# DEKA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**PARIS — 2-10 Aŭgusto 1914 — PARIS**

3, place Jussieu, Paris

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

*Mi subskribint(in)o deziras aliĝi al la* ***DEKA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO*** *kaj por tio mi pagas la sekvantajn kotizojn :*

*1 Kongresa Karto . . . . . . . . . . . . . . Fr.* **15.—**

*........ Suplementa(j) Karto(j) po Fr.* **10***. . . . . . Fr. ........*

*Mi sendas ĉi-kune per ........................ la sumon de Fr. ........*

*al la* **DEKA KONGRESO DE ESPERANTO**
**3, place Jussieu, Paris**

*Familia nomo* (1) *(S-ro, S-ino, F-ino)* ........................................

*Persona antaŭ- aŭ bapt-nomo* (2)........................................

*Profesio* (2) ........................................

*Nacieco* (2) ........................................

*Strato kaj numero* (1)........................................

*Urbo* (1) ........................................

*Provinco* (1) .................................... *Lando* (2) ....................................

*Kune venas familianoj, kies nomoj estas :*

*(S-ro, S-ino, F-ino)* ........................................

*(S-ro, S-ino, F-ino)* ........................................

*(S-ro, S-ino, F-ino)* ........................................

*Dato :* *Subskribo :*

........................................ ........................................

---

(1) En nacia lingvo.
(2) En Esperanto.

**Grave !** Vidu dorse.

# GRAVAJ KLARIGOJ

1. — Laŭ decido de la Konstanta Komitato de la Kongresoj, la kotizo por la Deka Kongreso estas fiksita po Fr. 15.—.

Familianoj de Kongresano (edzino kaj infanoj) povas ricevi Kongresan Karton, rabate, po Fr. 10.— ; sed ili ne rajtas ricevi senpage la Kongresan Gazeton nek la dokumentojn de la Kongreso eldonotajn de la Centra Oficejo.

Post la 1 de Junio 1914, la kotizoj estos altigitaj po Fr. 10.— ĉiu. **Sekve post la 1 de Junio 1914 ĉiu Kongreskarto kostos Fr. 25.— kaj ĉiu suplementa Karto kostos Fr. 20.—.**

Al la Kongresanoj, kiuj ne povos veni al la Kongreso kaj kiuj tion petos, la Komitato de la Kongreso repagos la senditajn kotizojn, deprenante nur po Fr. 1.— el ĉiu kotizo por pagi la jam faritajn elspezojn, **kondiĉe, ke tiuj Kongresanoj resendu siajn provizorajn kartojn antaŭ la malfermo de la Kongreso.**

La Kongresanoj, kiuj ne povos veni al la Kongreso kaj ne postulos la repagon de sia kotizo ricevos kompreneble senpage la Kongresan Gazeton, la Kongreslibron, la insignon de la Kongreso, ĉiujn programojn kaj la oficialajn dokumentojn publikigitajn dum kaj post la Kongreso.

2. — La Kongresa Gazeto estos eldonita komence de Januaro 1914. Ĉiu Kongresano ĝin ricevos senpage, sed nur depost la tago de sia enskribiĝo.

3. — Tuj post la ricevo de la kotizo la Kongresa Komitato sendos provizoran karton al la nova Kongresano. Se tiu ĉi ne ricevos siatempe sian provizoran karton, li estas petata sciigi tion al la Komitato.

4. — En konvena tempo ĉiu Kongresano ricevos poste diversajn mendilojn por loĝado, kongresaj eldonaĵoj, k. t. p.

5. — Por eviti poŝtajn elspezojn, la Komitato respondos al ĉiuj neurĝaj demandoj de la Kongresanoj pere de la Kongresa Gazeto.

**Ĉiuj pagoj al la Kongreso devos esti faritaj en FRANKOJ (franca mono).**

Centra Presejo Esperantista V. Polgar, 33, rue Lacépède, Paris